# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro JANUARO 1932 N-ro 10**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## KIEL H. E. A. LABORAS KAJ LABOROS

Same la komitatanoj de nia Asocio, kiel tiuj de la Komitato por la nacia maja Kongreso, kunvenas ĉiulunde, de la 7ª vespere ĝis la 8ª horo, en la Ruĝa Kruco (Sagasta, 10), akceptante ĉiujn samideanojn por kunagadi ne nur pri la Asocio sed ankaŭ pri la Kongreso, konsciante ke estas preferinde aŭskulti opiniojn ĉies por plej bona rezulto; tial ankaŭ, dum la ĉiuvendreda renkontiĝo de la sepa vespere ĝis la 9ª, en la kafejo «Lisboa», strato Mayor, apud la Puerta del Sol, oni interŝanĝas opiniojn kaj oni planas pri la Asocio kaj la Kongreso. Ĉiuj madridaj samideanoj estas petataj ĉeesti tiujn kunvenojn kiel eble plej multenombre, ankaŭ la samideanoj venintaj al Madrido ĉeestu la kunvenojn kaj partoprenu la laborojn.

Oni decidis jam la kongresinsignon, kiu estos tute esperanta kaj praktika, ĉar ĝin oni povos uzi parte ĉiam post la Kongreso; S-ro Rodríguez Escartín havis pravan iniciativon: verda stelo sur malgranda arĝenta disko por la butontruo de la jako sur alia disko pli granda el kartono aŭ metalo kun skribaĵo pri la Kongreso. Ĉiam oni povos uzi la verdan stelon ĉi tiun apartigante el la granda disko.

Oni decidis okazigi kiel eble plej abundan kaj kompletan ekspozicion el ĉiaj presaĵoj pri turismo, komerco, industrio, foiroj, k. t. p., por impresi la specialajn fakojn kaj la ŝtatan Organizaĵon pri Turismo: konsciu la gravecon de ĉi ekspozicio, kiun anoncos kaj pritraktos la ĵurnaloj ĉi tieaj; kaj konsciu la gravan propagandon, kiun ni faros per ĝi. Ĉiuj eldonintoj tiajn presaĵojn estas petataj sendi al ni duoblajn specimenojn. (Hispana Esp-Asocio. Str. Sagasta, 10. Madrid)

## GAZETOJ BONVOLU REPRESI ĈI TIUN PETON

Ĉar nepre necese estas alporti al la Ministerio de Publika Instruado la efikon de Esperanto, neniel pli trafonta pero por tio ol

## EKSPOZICIO EL MANLABORITAĴOJ DE INFANOJ EN LA LERNEJOJ.

GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ DE LA TUTA MONDO estas petataj partopreni la EKSPOZICION, kiu estos samtempe KONKURSO, por kiu oni decidis la jenajn premiojn provizore, ĉar neniam kaj neniel estos malpli altaj ĉi premioj, sed preskaŭ certe plivaloriĝos kaj plinombriĝos: UNUAN el 400 pesetoj;

DUAN el 300 pesetoj; TRIAN, KVARAN kaj KVINAN el 200 pesetoj po ĉiu; SESAN el 100 pesetoj. Certe estos ankaŭ premioj gravaj ilustritaj verkoj donacitaj de la Ministerio de Publika Instruado. Kompetenta juĝantaro de la Ministerio faros la juĝon alpropriĝante la premiojn al la LERNEJOJ prezentintaj plej kompletan kaj perfektan materialon, kun diplomoj atestantaj la juĝon.

La materialo el manlaboritaĵoj konsistos el skribaĵoj, desegnaĵoj, pentraĵoj, ĉizaĵoj, skulptaĵoj, karton-lign-metal-faritaĵoj, formantaj skalon de la apartenantaj al eklernanta infano en la jam tute instruitan infanon ekforlasontan la lernejon. La skaligita materialo vidigu, do, la instruevoluon de la lernejo, kaj por kiu ankaŭ ĉia manlaboritaĵo havos antaŭnomon, nomon, aĝon kaj lerndaŭron de la farinto. La geinstruistoj alsendos kun la materialo kompletan liston el lernantoj farintaj la manlaboritaĵojn, fotografaĵon el la enlistigitoj (laŭ grupo), kaj fotografaĵojn diversajn de la lernejo (aŭloj, manĝejo, banejo, k. t. p.). Oni ne redonos la materialon, ĉar oni donacos ĝin al la Ministerio de P. I. por formi Internacian Muzeon el Lernejaj Manlaboritaĵoj. Ankaŭ oni akceptas ion faritan de iuj lernantoj.

Le geinstruistoj sendos la materialon ĝustatempe por ke oni ĝin ricevu antaŭ la *dudeka de aprilo tuj* venonta al Hispana Esperanto-Asocio (Str. Sagasta, 10. Madrid.-Hispanujo). Antaŭ ol sendi la materialon ĉiuj geinstruistoj estas petataj sin turni poŝtkarte aŭ letere al la prezidanto de H. E. A. (adreso dirita) por sendi al li instrukciojn por la alsendo.

## GAZETOJ ESTAS PETATAJ REPRESI ĈION PRI LA KONKURSO KAJ EKSPOZICIO EL LERNAJAJ MANLABORITAJOJ.

Nia Asocio honoros D-ron. Rafaelo de San Millán, nian karan mortintan pioniron de la unuaj kaj malfacilaj tempoj de Esperanto, dum kiu li kompetente, saĝe, entuziasme, nelacigeble kaj sindoneme agadis. Li tre inteligenta kaj kapabla mirinde verkis, kaj tiel li faris poezie, ke lin alnomis Mistral de Esperanto la plej kompetentaj recenzistoj. Tial nia Asocio decidis eldoni lian kompletan poemaron, kiun kompilis samideano S-ro. Mangada, kaj kiun H. E. A. liveros preskaŭ senpage al siaj membroj, kiuj estos pagintaj siajn jarajn kotizojn dum januaro. Saman rajton ili havos koncerne aliajn verkojn eldonotajn de H. E. A.

---

# AL HISPANUJO (1)

Popolo estis dum mil jaroj, de la sesa ĝis la deksesa jarcento, la unua popolo de Eŭropo, egala al Grekujo pri la epopeo, al Italujo pri la arto, al Francujo pri la filozofio; tiu popolo havis Leonidon, kun la nomo Pelajo, kaj Aĥilon, kun la nomo Cid; tiu popolo Komencis kun Viriato kaj finis kun Riego; ĝi havis Lepanton, kiel la grekoj havis Salaminon; sen ĝi Corneille ne estus kreinta la tragedion, nek Kristoforo Kolumbo eltrovinta Amerikon; tiu popolo estas la nesubmetebla de la Forum Judicum; preskaŭ tiel fortikigita kiel Svisujo per sia geologia reliefo, ĉar Mulhacem estas al Mont-Blanc kiel 18 al 24; ĝi havis sian kunvenon en la arbaroj, samtempe al *forum* de Romo, kunveno kie popolo regis dufoje ĉiumonate, kiam la novluno kaj kiam la plenluno; ĝi havis en Leono kortumon sepdek' sep jarojn antaŭ ol la angloj havis en Londono Parlamenton; ĝi havis la ĵuron de la Pilkoludejo en Medina del Campo, sub la reĝo Sancho; ekde 1133 dato de la Kortumo de Borja la tria socia-klaso estis la pliforthava, kaj en tiu lando nur unu urbo, Zaragoza, sendis dekkvin deputitojn; ekde 1307, sub Alfonso III, ĝi proklamis la rajton kaj la devon ribeliĝi; ĝi starigis en Aragono la homon nomatan Justeco super la homo nomata Reĝo; kontraŭ la trono ĝi metis la teruran «*se ne, ne*» (2); ĝi rifuzis la imposton al Karolo V^a^; kiam ĝi naskis, batalis kontraŭ Karlomagno; preskaŭ mortanta, batalis kontraŭ Napoleono.

Tiu popolo havis malsanojn kaj suferis domaĝojn, sed, resume, ĝi ne estas pli malhonorigita de l' monaĥoj, kiel leono de la pedikoj. Nur du kvalitoj mankos al tiu popolo: scii forlasi la papon kaj la reĝon. Pro la marveturarto, pro la komerco, pro la elpenso aplikata al la terglobo, pro la eltrovo de nekonataj vojiroj, pro l' iniciativo, pro l' universala koloniado, ĝi estis ia Anglujo sen izoleco kaj kun suno. Ĝi havis famajn militestrojn, doktorojn, poetojn, profetojn, heroojn, saĝulojn. Tiu popolo havas la Alhambra'n, kiel Ateno la Partenon'on, kaj ĝi havas Cervantes'on, kiel ni Voltaire'n. La nem-

---

(1) Mi opinias ke estas publikindaj esperante ĉiuj verkoj, artikoloj, k. c., pri ia lando verkitaj de fremdaj aŭtoroj, ĉar tio helpos interamikiĝo de la popoloj de la tuta mondo. Tial mi tradukis la jenan artikolon de Víctor Hugo.

(2) Antikve, kiam oni proklamis la reĝon en Aragono, la nobelularo diris al li «ci estos reĝo se ci agas rajte; se ne, ne». Tiu leĝo kuŝos ankoraŭ ĉe la koro de la hispanoj.

ezurebla animo de tiu popolo forĵetis tiom da lumo ke por estingi ĝin estis necese ia Torquemada; sur tia antorĉo la papoj metis sian tiaron, grandega estingilo. Papismo kaj absolutismo kuniĝis por mortigi tiun nacion.

Poste ili igis flamon el tuta ĝia lumo, kaj oni vidis Hispanujon kunigita al brulaĵo. Tiu senmezura brulejo vastiĝis tra la tuta mondo: ĝia fumo estis dum tri jarcentoj la teruriga nubego de la civilizacio, kaj finiĝinte la turmento kaj la milito, oni povis diri: tiu cindro estas popolo.

El tiu cindro la nacio renaskiĝas hodiaŭ.

Kio estas falsa pri la feniksa birdo estas vera pri la popolo.

Tiu popolo renaskiĝas. Ĉu mal granda? Ĉu granda? Jen la demando.

Hispanujo povas reakiri sian rangon. Ĝi povas esti denove egala al Francujo kaj al Anglujo; nemezurebla propono de la Diantaŭvido. La oportuneco estas sola. Ĉu Hispanujo profitos ĝin?

Por kio taŭgas plia monarĥio en la kontinento? Hispanujo sub reĝo, sub la povaj ŝtatoj, kia malgrandiĝo!

Aliparte, starigi monarĥion nune estas labori por malmulta tempo. La dekoracio estas ŝanĝonta baldaŭ.

Respubliko en Hispanujo estos paco en Eŭropo, ĉar haltigi la reĝojn estas paco; ĝi estus Francujo kaj Prusujo neŭtrigitaj; la milito neebla inter la militistaj monarĥioj, nur pro la nuna revolucio; la buŝfermilo al Sadowa kaj al Austerlitz; la perspektivo de l' buĉadoj anstataŭita de tiu de la laboro kaj fruktodoneco; Chassepot eksigita profite de Jacquart; ĝi estos la ekvilibro en Eŭropo subite starigita de l' pezo de la vero ĉe la pesilo, kaj malfavore de l' figuraĵoj; ĝi estus la maljuna ŝtato, Hispanujo, defendata de tia juna forto, la popolo; ĝi estus je la vidpunkto de l' marvivado kaj de la komerco, la vivo redonita al tiu duobla marbordo kiu regis sur la Mediteraneo antaŭ ol Venezio, kaj sur la Oceano antaŭ ol Anglujo; ĝi estos Kadizo egala a Southampton, Barcelono egala a Liverpool, Madrido egala a Parizo. Ĝi estos Portugalujo returnante al Hispanujo per la sola allogo de la lumo kaj la prospereco; libereco amas aneksojn Respubliko en Hispanujo estos simpla klara pruvo ke pri la suvereneco de l' homo super si mem, nediskutebla suvereneco, pri kiu oni ne povas baloti; ĝi estus la produktado sen impostoj, konsumo sen doganoj, cirkulado sen malhelpoj, laborejo sen proletariato, riĉeco sen parazitismo, konscienco sen antaŭjuĝoj, parolo sen buŝfermilo, leĝo sen mensogo, forto sen armeo, frateco sen Kaino; ĝi estos la laboro por ĉiuj, la instruado por ĉiuj, la eŝafodo por neniu; ĝi estus la idealo tuŝebla, kaj kiel estas hirundo—gvidanto tiel estus nacio—ekzemplo.

Nenia danĝero pri tio. Hispanujo demokratio estas Hispanujo fortikaĵo. Respubliko en Hispanujo estos honesteco administranta, vero reganta, libereco reĝanta; ĝi estos la suverena realeco nealmilitebla; libereco estas trankvila, estas nevenkebla, kaj estas tia ĉar ĝi estas komunikebla. Armeo sendita kontraŭ ĝi malantaŭiras kontraŭ la tirano.

Jen kial oni lasas ĝin kviete.

Respubliko en Hispanujo estus ĉe la horizonto radiado de la vero, promeso por ĉiuj, minaco nur por la malbonuloj; ĝi estus tia giganto, la rajto, stare en Eŭropo post tia barikado: la Pireneoj.

Se Hispanujo renaskiĝas monarĥio, estas malgranda.

Se ĝi renaskiĝas respubliko estas granda.

Ke ĝi elektu.

VÍCTOR HUGO

(Hauteville House, 22 oktobro 1868).

* * *

*Noto*: Kiam Víctor Hugo verkis tiun artikolon vivis en ekzilo; du jaroj poste li povis reiri en Francujon kie ĵus estis proklamita la respubliko definitive.

Ankaŭ la politikisto itala Nitti verkis en ekzilo artikolon por saluti la novan hispanan reĝimon la pasintan aprilon. Ke li povu ankaŭ reiri baldaŭ en sian patrujon!

FERNANDO REDONDO

## EL PAPERUJO DE IZOLULO

### UGOLINOJ

«Poscia, piu che il dolor
poté il digiuno.»
Inferno. Canto XXXIII.

Tiuj milionoj da senlaboruloj de ĉiuj nacioj de Eŭropo kaj de Ameriko, vivantaj atestantaĵoj estas pri alproksimiĝo de malsato. La malsato alvenas, la torturanta palega spektro, la turmento nur suferata de la homoj kaj de la bestoj. Kiel antikve, dum plena industria civilizo tutaj popoloj sin agitas laŭ freneza konvulsio. Vane sociologoj kaj ekonomiistoj serĉas duonefikajn solvojn al la malbona problemo; la

malsato alproksimiĝas, nekvietigebla kaj teruriga preta faligi sur la fiera civilizo la makulon de la senpoveco kaj de la barbareco.

En Germanujo, en Francujo, en Anglujo, en Usono, milionoj da laboristoj tremetas pro malsato, pro angoro, pro malvarmo; ĉie oni rememorigas emocie la teruron de la malfeliĉegaj jaroj markantaj la Historion per paĝoj pri detruado kaj mizerego: pri la jaro 446ª, kiam la Turkoj manĝis ŝelojn de l' arboj; pri la sekvanta jardeko, kiam la Ĉinoj same, kiel la Hebreoj de Moseo, sin nutris el homa viando; pri la jaro 821ª al 872ª, kiam, miksinte teron kun faruno, la Eŭropanoj fariĝis hommanĝantoj; pri la kruelega jaro 1000ª, kiam avide oni manĝegis reptiliojn; pri la tuta XIª jarcento, kiam oni vendis la mortintajn infanojn en la placvendejoj, kaj multenombraj ekmortantoj kovris la vojojn; pri la jaro 1128ª, priskribita sangelverŝante de Gastaldi; pri la jaro 1197ª, pereiga por la Katalunoj; pri la jaro 1213ª, en Kastilujo; pri la jaro 1302ª, en Zamoro; pri tiom da datoj neforgeseblaj, periodaj dum ĉiuj jarcentoj, ĝis la franca invado popularigita vastege malfeliĉe kaj tragike.

Dum ĉiuj tiuj malmemorindaj datoj la malsato venkis la homaman instinkton, kaj senhontiĝanta konscienco endormiĝinta supermezuris la memjuĝiston.

Kaj nun, kiam la progreso verŝajne malalproksimigis por ĉiam tiel teruriĝajn danĝerojn, la malsato realproksimiĝas alian fojon. La nedankema tero ne produktas nutraĵon kaj frostoŝirmilon por ĉiuj; la eraroj de kelkaj jarcentoj minacas konkretiĝi laŭ maljusta eksplodo de l' sovaĝeco. Persistado en la eraro alportos aŭ trenos al ni la apokalipsan teruron, kaj la malsato, kiun Dante sidigis ĉe la pordoj de l' infero, kuntiriĝkuŝos, flava kaj malforta, ĉe la sojlo de la jarcento alnomata de la justeco, kvankam ĝis nun ĝi meritas la nomon jarcento de Kaino.

* * *

La regantoj de iuj popoloj kuntirigas la ŝultrojn esprimante per la gesto, ke la afero ne estas grava por ili; tiuj de aliaj popoloj vidigas sin sen orientiĝo kaj nekapablaj. «Kion ni faros?», ili demandas al ni. «Ĉu ni demetos de la preĝejoj, kiel Klodoveo, la orajn plakojn kaj kalikojn de la altaroj, por fari monerojn? Ĉu ni devigos, kiel Wiffredo, episkopo de York, la loĝantojn sin ĵeti en la maron? Ĉu ni dekretos, kiel la mezepoka nacia Konsilantaro de Jutlandio, la buĉadon de l' infanoj, maljunuloj kaj kripligitoj?» Ili ne scias fari ion al solvo, sed ili riĉiĝas; ili sin alnomas antaŭvidemuloj kaj singardemuloj, kaj ili ne aŭskultas la kriegadon de la alproksimi-

ĝantaj popolamasoj; ili sin titolas defendantoj de la justeco, kaj ili ne sentas la minacon, kiu estas pli tim'ganta kaj malfeliĉa ol estis tiu de la Faraonaj sonĝoj; ili amas la memdiiĝon kaj vantan memfamiĝon, kaj ne antaŭvidas, ke oni povas abomeni iliajn nomojn dum la estonteco.

Konklude: ili estas kulpaj pro avareco aŭ malklereco, pro mallaboremo aŭ malsaĝeco.

Ĉiajn problemojn, ĉiajn priokupiĝojn oni devus prokrastigi por nur atenti tiun potencan minacon de la malsato por Eŭropo, kiu jam estas realaĵo por la humilaj popolklasoj. Kaj la malbonaĵo graviĝas ju pli la tempo pasas, ĉar estas aĵoj, kiujn oni konsideras netuŝeblaj: la propraĵon, la interkonsenton por la akaparado, la senbridan rajton de la potenculoj, la avaremecon de la komercistoj, la senfruktodonan malŝparon de la riĉuloj; sed Ugolino, la pia kaj humana grafo, turmentite de la malsato, fine manĝis karnon el siaj filoj. La malsataj popoloj, kies dignon oni vundis, povas perdi la respekton al la haŭto de siaj patriarkoj.

* * *

Ne perdante eĉ minuton, estas necese persekuti kaj puni senkompate: la interkonsenton de multaj sindikatoj, kiujn oni devas disigi; multenombrajn societojn, kiujn oni devas nepre fiskigi; trustojn, kiujn oni ne devas konsenti, kiam ili koncernas aĵojn nepre necesajn unuavice por la vivo; eksportogrupojn, kiuj meritas multfoje esti sub la puno de la Tribunaloj. Tute senprokraste oni devas dekreti kulturi la grandegajn terbienojn nekulturatajn; oni devas senescepte forigi la nerektajn impostojn, kiuj prezaltigas la nutraĵojn, cerealojn, kaj kiujn oni devas anstataŭigi per impostoj al grandaj riĉuloj. Ĉar estas pli da laboristoj ol da laboro farota, estas nepre necese establi seshoran labordaŭron po tago. Eble ĉio tio ĉi ŝajnas tro frua, erara, kaj timigas tiujn, kiuj sin konsideras ordemuloj, kaj kiuj vere estas stomakordemuloj; sed, ĉu ne estas pli absurde vidi nekortuŝeble la katastrofon, kiu envenas en ĉiujn naciojn? Ĉu valoras pli la antaŭjuĝoj kaj falsaj respektoj humanaj ol la diaj leĝoj?

Ĉiuj pestoj, kiuj oble mortigas la homaron, devenas nur de l' mizero; ĉiuj malamoj, kiuj apartigas nin, deiras de sola fonto, de la fonto de l' maljusteco; ĉiuj malnoblaĵoj, kiuj gvidas nin, estas nur kaŭzataj de materia kaj morala malforteco. Estas necese havigi nutraĵon al malriĉulo, tute nepre, spite de ĉio. Tiu, kiu avare gardu siajn riĉaĵojn, sciu ke lia ĉerko ne povos enteni ilin. Estas urĝe, ke ni, ĉiuj, nin decidu al solvo de la minacanta danĝero, kaj se necese, ke ĉiu uzu sian fosilon. Ni estus multenombraj memvoluloj al la laboro se

oni organizus nin, kvankam jam multaj maljunuloj, kiel mi, apenaŭ havas fortojn, ĉar preskaŭ ĉi tiujn jam elĉerpadis tiom da laboro farita kaj tiom da doloro suferita. Se ni nepre mortus baldaŭ, ke tio okazu en plena estimo kaj respekto de niaj fratoj.

Spite de ĉiaj laŭdoj al civilizo miriganta, blindiganta, la Homaro estas en grava danĝero. Ĉi tion sciu ĉiuj naciestroj, regantoj de ĉiuj popoloj, kaj ili devas kuraĝe aliri al aliformigo de la ekonomio, kiu nepre alvenos. Morti pro malsato estas tre dolore; sed perei pro maldigno, ho, magnatoj de la riĉeco kaj de la povo!, estus pli kruele.

*Hispane verkis*: ANTONIO ZOZAYA.
*Esperante tradukis*: J. M. R.

## LA VERKO DE AZORIN

Ĉiuj samideanoj konscios tute bone pri la vortaro de nia kara samideano, kies unua kajero akompanas ĉi numeron, ĝi havas la signifon diritan de la aŭtoro per la prologo; sed ĝi ankaŭ estas altvalora Vortaro el artaj vortoj tre taŭga por kompletigi la ĝeneralajn Vortarojn, kiujn havas niaj samideanoj kaj plie por eklerni, pere de la desegnoj, speciale, la principojn de la stilografio kaj la bazojn de la arkeologio.

Ĉar la multenombraj bildoj, kiuj ilustras la verkon, igas ĝin interesa eĉ por la neamatoroj, esperinde estas, ke ĝin multe ŝatos la esperantistaro; kaj, por komplezi la tre grandan modestecon de nia kunlaboranto, ni lasas juĝon nian pri la verko ĝis la alveno de tiuj opinioj de fremdaj recenzistoj.

La kajeroj aperados same por faciligi la bindon kaj konservadon.

Jen kiamaniere H. E. A. ekiras novan vojon por liveri al siaj membroj kiel eble plej multe per nur DU pesetoj ĉiujare.

## HUNDA AFERO

(*Aperinta en «La Suno Hispana» - Majo* 1908).

Ĉasantoj nur estas ĉasantoj; ni dirus plivere: ĉasantoj estas nur *ĉasistoj*, ĉar ili faras gravan profesion el ĉarma amuzaĵo konsistanta pafi senkompate al ĉiuspecaj timemaj bestetoj. Kompreneble, tia oku-

pado tute absorbas ilian aktivecon; kiel do oni povas postuli de tiuj necesegaj viroj, ke ili fariĝu Esperantistoj? Aliparte, ili sekvus tre volonte la verdan stelon, kondiĉe ke sur tero ne ekzistus leporoj, kunikloj, perdrikoj k. t. p. Jam, konata advokato el Madrido estis demandita pri sia profesio; li (fervora disĉiplo de Sankta Eŭstakjo) respondis senŝanceliĝe: «mi estas ĉasisto, kaj dum la libertempo, advokato.»

Ni ne trograndigas; ĉasisto ĉion forgesas, krom sian ĉaspafilon, siajn kartoĉojn, sian hundon. Ho! la hundo! Jen la vundebla flanko de tiu paca kaj simpatia mortigulo. Permesu do, ke ni alĵetu al ĉasemuloj esperantan fiŝhokon kun alkroĉita peceto da ĉasa allogaĵo. Ni babilu iom pri tiu terura malsano, kiu podeke rabas la vivon de niaj fidelaj bestoj: pri *mokiljo* (mokfebro) (1).

Mi estas nek veterinaro, nek ĉasanto. Decas ke mi konfesu mian nescion, por forigi respondecon en tiel grava afero. Malnova ĉasisto konigis al mi kelkajn detalojn de li lernitajn, mi nescias kie. Li certigis pri ilia plena sukceso. Jen sekve la notetoj de la kompetenta praktikulo.

Kia malsano ĝi estas? Diras la specialistoj, ke mokiljo estas febro nervo-katara. La plejmulto el ili opinias, ke ĝi estas komunikebla al aliaj hundoj per kontakto.

Ordinaraj simptomoj: daŭra ternado, malfacila elspirado, tuseto, emo senefika al vomo. De la komenco hundo estas malgaja; per siaj duonfermitaj okuloj ĝi rigardas neprecize ĉirkaŭ-starantajn objektojn. Febro aperas; la kapo iom ŝveliĝas; la okuloj iĝas malklaraj; poste montriĝas nazfluo, aŭ la malpura fluidaĵo interniĝas. Ambaŭokaze hundo plimalboniĝas de tago al tago, kaj ofte mortas tute lacegita kaj ruinigita (permesu la esprimon). Iu diris, eble prave, ke mokiljo estas la rapidega ftizo ĉe la hundaro.

De unuaj simptomoj sin trudas zorga varmigo kaj zorga lito. Ne forgesu hispanan proverbon: «al la hundo molan liton kaj malmolan panon». Laksigu ĝin tuj per 30 gramoj el ĥalapo kaj 15 el rabarbo. Kiam laksilo efikos, donu al la malsanulo kulereton da radiko de pipro pulvorigita, dufoje aŭ trifoje en tago. De tempo al tempo konvenas, ke ĝi trinku porcion da infuzo de kina ŝelo. Post kelkaj tagoj je tiu kuracado, donu al ĝi alian laksilon.

---

(1) Nesciante ĉu ekzistas jam adekvata nomo de tiu karakteriza malsano, ni uzas la vorton *mokiljo* devenanta el hispana «moquillo».

Nazfluo, nazmuko k. c. ne bone taŭgas, ĉar per tiuj vortoj oni esprimas nur simptomojn pli-malpli komunajn al diversaj malsanoj.

Bona rimedo ankaŭ estas meti subhaŭtan fadenon (hispane *sedal*) alkroĉita al kolo de l' hundo. Jen simpla agmaniero: prenu silkan ŝnureton, trempu ĝin en oleon, disŝutu sinapon pulvorigitan laŭlonge je ĝi, kaj trapasu la ŝnureton tra la haŭto per kudrilo, interspace je tri aŭ kvar centimetroj; fine, ligu la ekstremaĵojn. Nature hundo puselfluas per la truetoj. Purigu ofte la ŝnureton.

Kvankam ni konfidas pri taŭgeco de tiuj metodoj, ni memoru, ke foje mokiljo sin prezentas kunmiksita kun aliaj malsanoj, ekzemple la epilepsio. Tiuokaze konvenas venigi tuj lertan veterinaron, se eble.

Conrado UDEA

# MI VOLUS ESTI...

Pura aero, blua ĉielo, elradianta suno ĉe l' Sudo, kaj ĉe la Naturo kompleta paco kaj harmonio ne mirigantaj ĉar ĉiutage ni vidas la samon; sed mirigontaj nin altagrade se ni, ĉe kiu ajn laborejo, ĉe kiu ajn fabriko, vidus krei ion saman je tio, kion Naturo faras kaj malfaras, ne atentante pri siaj kombinaĵoj.

La verda kaj mola herbtapiŝo en kiun ni enprofundigas niajn piedojn, kiom da misteroj ĝi entenas. Super ĉio, jen en ĝi la nedeĉifrita kaj nedeĉifrota mistero de l' vivo. Kiel kaj kial vivas tiu humila herbo, kiun ni piedpremas? Kiu diris al la planteto, ke ĝia internaĵo estas trairata de kanaletoj nur videblaj per mikroskopo por ke la tersuko supreniru en la plej altajn partojn? Kial ĉe la same terpeceto, ĉe sama klimato, iuj plantoj floriĝas blue, aliaj flave kaj aliaj ruĝe? De kie ili akiras tiel variajn kolorojn kaj substancojn?

Tiuj birdaroj, flugante en la Sudon, de kiu estis avertataj aŭ konsilataj por tion fari kaj rifuĝiĝi en Afriko?

Ĉio estas miriganta en la Naturo, ĉion ĝian ni konscias granda, belega, kiam ni atentas la saĝajn leĝojn kiuj regas la mondon. Ĉio estas bela, belega, eĉ la morto mem.

Jes; kial, ne konsciante gravaj aliajn okazantaĵojn, ni donas gravecon al aĵo tiel vulgara kaj kutima, kiel estas la morto? Ĉu ni ne estas konvinkitaj pri nia fino same kiel pri tiu de aliaĵo? Kial ĉagreniĝi pro tio tiel natura kaj konstanta kaŭze de nepra ordono decidita de tiu, kiu saĝe regas la mondon, por bono ĉies?

La kredanton nenial timigos la morto, ĉar li aliros al mondo sen malamoj kaj maljustaĵoj. Al tiu, kiu ne atingis vidi en la miriganta

ordigo de la Naturo la restsignojn de l' supera geniulo antaŭdeterminintaĉion, sufiĉos pensi pri sia nobla misio—disiĝi por krei novajn vivantojn—por forlasi la infanan kaj superstiĉan timon al la morto.

«Nenio detruiĝas; nenio kreiĝas», ni lernis en la lernejo dum nia infaneco. Kaj sciante, ke nia korpo konsistas el atomoj, kiujn Naturo malavare donacadis al ni, ĉu ne estas ridinde voli tenadi ĉiame tion, kion oni donis momente al ni?

Aliaj estuloj, aliaj aĵoj, atendas la finon de nia vivo por komenci sian. Ĉar, kiam venas nia fino, ni malaperas por redoni al la polvo tion, kion el la polvo ni prenis, kaj por ke ĉiu partikulo el nia korpo iru tien, kien Naturo ĝin destinis, kial la negrava avido eternigi niaĵon kiu vere estas pruntedonitaĵo? Kiel eternigi tion, kio ne ekzistas?

Nepre la rivero fluadas surportante sur sia dorso la barkojn, kiuj kilogratas ĝian haŭton; ĝi satigas komplezeme la soifon de tiu, kiu alproksimigas al ĝi siajn soifantajn lipojn; ĝi freŝplaĉigas tiun, kiu en ĝin sin banas; rezignacie ĝi toleras la malpuraĵojn, kiujn oni ĵetas, ŝutas kaj verŝas en ĝin, kaj ĝi ne ĉagreniĝas ĉar la homoj ne dragis ĝian fluejon kaj ne volis ĝin kanaligi por eviti la ruinigajn inundojn. «Kion da bono mi farus al ili, se ili helpus min!», verŝajne la rivero susuras...

La ŝtonego, humila roko vidanta generacion post generacio ripozadi sur ĝi, ankaŭ ne malpacienciĝas ĉar ĝi estas griza kaj ne diverskolora kiel la bela birdo en ĝi staranta kaj de ĝi fluganta. Estas negrava tio de la koloro; grave estas plenumi la rolon por kiu oni kreis ĝin. Ĝi permesas, ke la arbo, naskiĝinte malgrandeta ĉe fendeto ĝia, frakasu ĝin, disigu ĝin; ke la kapro leku ĝin serĉante havigi al si salojn. La ŝtonego ripetas: estas nur grave plenumi la devon la celon por kio oni kreis min.

La simpla kaj humila kardo, floriĝinte dum la printempo, hodiaŭ arĝentkoloriĝinte kaj maljuniĝinte, dissemas al kvar direktoj siajn semojn por ke novaj junaj kardoj naskiĝu kaj taŭgu al brutaroj kiel nutraĵo.

La birdo, kantante feliĉe ĉar la cerealejo ekkreskadis kaj fariĝis kvazaŭ verda arbaro delikata, kie li loĝas ankaŭ ne sin opinias pli grava ol aliaj estuloj. Ĝi plenumas sian celon, koj ĉi tio sufiĉas al li.

La belega ĉielo blua, sin montrante kvazaŭ hazarde tiel miriganta, ankaŭ ne atentas pri si mem, nek pri aliaj estaĵoj; ĝi ne atentas ĉu ĝia rolo estas pli grava ol tiu de aliaj ĉe la monda ordo.

Tial la saĝa rivero, la humila roko, la bonvolema kardo, la kontenta birdeto, estas por mi enviindaj. Mi volus esti kiel ili, simpla, humila, ĉar esti tiel, estas esti vera. Mi volus nur atenti pri tio por kio mi estis kreata kaj ne fieri pri aĵoj kaj kvalitoj, kiujn mi opinias posedi kaj tamen mi ne posedas; mi volus ne fieri ĉar mi estas aro

el atomoj, kiuj ne estas miaj, kiuj nur oni pruntedonis al mi dum iom da tempo. Mi volus esti kiel ili, indeferentaj al ĉio, kio ne estas plenumi la propran respektivan celon por kiu oni kreis min.

Mi volus, kiam venus mia lasta horo, ekkrii ĝoje: «Kuru, atomoj, aliru kuniĝi al aliaj estuloj, al aliaĵoj, al akvo, al aero, kaj sekvu plenumante vian rolon por ĝoje servi tiun kiu kreis vin el nenio. Mi volus, ke, mortinte, oni ne donus al miaj restaĵoj transigon, kiun ili ne havas, ĉar oni ne devas eternigi tion, kio estas ŝanĝotaĵo, pasaĝeraĵo. Mi volus esti konscianta post mia morto nur por vidi, ke tio, kio estis verŝajne mia dum tagoj, tiam jam formis parto el aliaj korpoj, el aliaj aĵoj, kaj partoprenis la gajan harmonian kunlaboron al miriganta agado de la Kreado.

Mi volus vidi min konvertiĝinta fruktodona tero plena je floroj kaj fruktoj, aŭ semo fluganta ne sciante kien por alporti vivon novan, kiam, enprofundiĝinte en la grundon pro ordono de la geniulo reganta cion, ĝi ekdisvolviĝas laŭ la eterna leĝo.

Mi volus tiam esti polvo, aero, io utila al la homa speco, konsciante ĉu dum mia transirado kiel homo mi ne plenumadis mian rolon.

MANUELA GALLARDO GOMEZ

---

## EL ESPERANTO EN GRECIA

El ministro de Culto e Instrucción Pública de Grecia ha cursado la disposición siguiente:

«Atenas, 7 de noviembre de 1931.

Núm. 65896.

Sobre instrucción del Esperanto, a las Escuelas públicas en general, a las Superiores y a las Ciencias experimentales de Atenas.

A los Inspectores Generales de las Escuelas Públicas, al Director de la Escuela Superior Experimental y al Director de las Escuelas de Enseñanza Superior.

Considerando la importancia que cada día adquiere en el mundo civilizado la lengua internacional Esperanto, mediante sucesivos documentos, hemos recomendado al Inspector General de las Escuelas Públicas de Atenas se permita al Presidente de la Academia Esperantista de la República, Sr. Anacreon Stamatiadis, instruir Esperanto a los alumnos de los Gimnasios e Institutos de Atenas y del Pireo durante las horas que tengan libres.

Ultimamente dicho señor nos informó que en otras ciudades de

Grecia había personas capacitadas para dar esa enseñanza, y pidió se extendiese la autorización a dichos lugares, lo que se concede y recomienda. Así, pues, en los respectivos distritos se estimulará a los alumnos para seguir los cursos de Esperanto, explicados por los profesores designados por la Academia de Esperanto de la República Helena.—El ministro, *G. Papandreon.*»

## ESPERANTA KRONIKO

*Barcelono.*—De la 11ª ĝis la 20ª de novembro 1931 okazis en «Ateneo Obrero Martinense» grava Esperanta Ekspozicio organizita de «Academia Enciclopédica ESPERO». La ekspozicio, kiu enhavis grandan kvanton da materialo (libroj, gazetoj, ilustritaj poŝtkartoj, afiŝoj, propagandaj markoj, kaj aliaj diversaj objektoj) estis multnombre vizitata kaj donis al la skeptikuloj pruvon pri la graveco de nia movado. La 20an de novembro, okaze de la fermo de la ekspozicio okazis bela literaturmuzika kaj propaganda kunveno ĉeestita de pli ol 500 personoj. Oni faris bonan propagandon.

En ĉiuj Barcelonaj Esp. Grupoj kaj Societoj okazas kursoj de Esperanto ĉeestataj de bona nombro da interesuloj. Ankaŭ okazas kursoj de Esperanto en diversaj kulturaj societoj, kiel Ateneo Enciclopédico Popular, ĥora societo «La Violeta de Clavé», Ateneo Obrero Aragonés, Ateneo Obrero Martinense, etc. Ankaŭ sukcese funkcias la perkoresponda kurso de Esperanto de la «Zamenhof-Instituto».

La Barcelona ĵurnalaro estas favora al nia movado. Ofte aperas notoj kaj artikoloj pri Esperanto, kio vekas la intereson de la publiko. Lastatempe la Urbestraro decidis doni la nomon de nia Majstro D-ro Zamenhof al unu nova konstruata strato en Barcelono.

*Jerez* (Cádiz).—Nia samideano, S-ro Petro Naranjo, tre sukcese gvidan kurson en la Ateneo, kaj li ekfaras por elpruvi praktikecon de Esperanto entreprenante per ĝi komercan laboron pri la tutmondfamaj vinoj de Jerez al Japanujo.

*Valencio.*—Ĉi tie disvolviĝadas sukcese iuj kursoj, kiuj tuj finiĝos; sed pli vigle tuj ankaŭ oni rekomencos la laboron.

*Gijón.*—Same ĉi tie la kursoj bone antaŭeniras promesante abundan frukton.

*Zaragoza.*—Same la grupo «Frateco», kiel la grupo «Zaragoza Esperantista» vigle agadas per kursoj, bulteno kaj festoj.

«Zaragoza Esperantista» okasigis grandan feston por rememorigi la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, aŭtoro de lingvo Esperanto. Tute frate kaj entuziasme ĉeestis la membroj kaj iliaj familianoj; kaj la ĝojo de la junularo faris agrablegan la kunvenon. S-ro Josefo Carnicer, prezidanto de la grupo parolis pri la signifo de la festo kaj pri Esperanto kaj li trafis la aplaŭdojn de la ĉeestantaro; sekve parolis blindulo, S-ro Anĝelo Figuerola, la sekretario de la grupo, kaj S-ro Pinilla, esperante, elpruvante sian parolkablon. S-ro Figuerola ĵus atingis la diplomon pri kapableco. Kvinteto ludis unue la «Esperon'n» kaj post la paroladoj la ĉeestantaro sin amuzis per dancado, ĉar la kvinteto daŭrigis sian ludadon.

---

## IXa KONGRESO DE H. E. A.

### LISTO EL ALIĜINTOJ

1. S-ro Isidoro Arroyo.
2. » Julio Mangada Rosenorn.
3. S-rino Josefa Sanz de Mangada.
4. F-ino Marina Mangada Sanz.
5. S-ro Luis Mangada Sanz.
6. Pastro Mariano Mojado.
7. S-ro Vicente Alonso Sanz.
8. S-rino Josefa Bascones de Alonso.
9. S-ro Julián Sosa Vinagre.
10. S-rino María Medialdea de Sosa.
11. S-ro Juan Gallardo Corredor.
12. » José Perogordo Camacho.
13. » Jesús Puértolas.
14. » David Martín.
15. » Rodrigo Almada.
16. » Nicolás Cubillo.
17. » Karlo Belzer (germano).
18. » Luis Santamarina.
19. » Fernando Soler.
20. » Tomás Rubio.
21. » Eduardo Cano.

(*Daŭrigota*).

## AMUZAJOJ

Kiu estas la mezuro (de la metra sistema) tiel *granda* ke se vi fortranĉus el ĝi la unuan duonon, ankoraŭ restas *tro*?

* * *

SOLVO al la Dialogo de la antaŭa numero:

BER - LI - NO
1 2 3

* * *

## ENIGMOJ

Per unu litero de ĉia tago de la semajno formu la nomon de la tempo daŭro.

* * *

La samo pri la monatoj de la jaro.

